# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 84**

Bulteno de KAEM

Julio 2014

Retadreso de KAEM

azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com

(ne aliĝinte al la grupo, oni povas mesaĝi)

http://www.esperantoazia.net/club/myclub/?url=kaem

(« Esperanto en Azio » troviĝas en tiu retejo)

---------------------------------------------------------------------------



## Sukcesis la unua Srilanka Kongreso

la 23an-25an de majo 2014

Kotugoda, Ja-Ela, Srilanko

Kongresa temo

"Esperanto en Miraklo de Azio"



## Sukcesa estis la unua kongreso de Srilanko

Post jardekoj de civila milito Srilanko atingis pacan epokon. En oficialaj komunikoj, sur emblemoj oni ofte vidas la sloganon apud la nomo de la lando: "Miraklo de Azio". La disvolviĝoj ekonomia, konstrua, socia kaj kultura rimarkeblas en la tuta lando.

Esperanto povas kontribui al tiu harmoniiga, interpaciga procezo, kiel ilo plej adaptita kaj kapabla por justa komunikado en plurkultura, plurlingva, plurreligia socio.

**La 25-an de majo vendrede**

Oficiale la solena malferma ceremonio okazis je la 16:30, la urbestro de Ja-Ela s-ro Anju Perera estis bonvenigita de s-roj Zeiter Perera (Prezidanto de SriLanka Esperanto-Asocio), Rafael Henrique Zerbetto (Prezidanto de Brazila Esperantista Junulara Organizo) kaj Adeel Butt (kunlaboranto el Pakistano). La ceremonio komenciĝis kun la himnoj de Srilanko kaj Esperanto kaj tradicie ekbruligis torĉon de la solena malfermo de la kongreso.

Salutmesaĝoj de s-roj LEE Jungkee (estrarano de UEA el Koreio) kaj INUMARU Fumio (vicprezidanto de KAEM el Japanio) estis legitiaj de s-ro Adeel Butt, kiujn tradukis s-ro Zeiter Perera. Ni daŭrigis la sesion de legado de salutmesaĝoj kaj poste ni havis manĝopaŭzon.

Post la manĝopaŭzo, okazis la dua sesio, en kiu ĉiuj pasie kaj gaje ĉeestis, kaj ni ludis kelkajn interesajn ludojn.

**La 24-an de majo sabate**

Je la 9-a horo ni kune matenmanĝis, poste okazis la 2-a kongresa tago kun la mesaĝo de s-ro Stefano KELLER, kiun tradukis s-ro Zeiter Perera sinhalen. Poste s-ro Rafael Zerbetto prelegis pri siaj Esperanto-spertoj, kaj malkovris, kial Esperanto estas bezonata en la mondo kaj kiamaniere ni povas akcepti ĝin kiel komunan lingvon inter ni.

Due prelegis s-ino Evlali, skolta instruistino profesie, kiu defendas lingvan justecon, kaj montris al la partoprenantoj, ke kun Esperanto ni povas sperti novajn aĵojn, kiujn ni neniam spertis, kaj Esperanto estas

pordo malferma al ni ĉiuj. Post la prelego de s-ino Evlali, s-ro Zeiter Perera parolis pri lingva diskriminacio kaj profito de Esperanto, tuŝante la historion de Esperanto-Movado en Srilanko.

Je la 1-a horo ni havis tagmanĝan paŭzon. Post la tagmanĝo s-ro Adeel Butt prelegis pri Esperanto-movado en sia lando kaj instruis Esperanton al ĉeestantoj.

**La 25-an de majo dimanĉe**

Je la 9-a horo, ni havis matenmanĝon kaj poste ni komencis diskutadon pri tio, kiamaniere ni antaŭenigu la movadon en Srilanko, kaj kelkaj decidoj estis faritaj.

**Jen estas la decidoj dum la kongreso:**

1) Ni okazigu kunsidon ĉiun monaton.
2) Ni aranĝu Esperanto-kursojn ĉiun trian semajnon, kaj ankaŭ gvidu komencantojn al reta lernado.
3) Ni lanĉu korespondan kurson por tiuj, kiuj loĝas for de la centro.
4) Ni organizu ekskurson por ke srilankaj esperantistoj praktiku la lingvon ĝojante.
5) Ni organizu junularan sekcion de SLEA.
6) Ni reklamu pri Esperanto en lokaj gazetoj.
7) Ni organizu lokajn grupojn.
8) Ni proksimigu najbarajn landojn pere de Esperanto kaj fortigu la regionan movadon, organizonte la 3-an Sud-Azian Seminarion.

https://www.facebook.com/ambtg/posts/10152209343274037
https://www.facebook.com/ambtg/posts/10152214238089037
https://www.facebook.com/ambtg/posts/10152214508244037
https://www.facebook.com/ambtg/posts/10152214475654037
https://www.facebook.com/ambtg/posts/10152214422124037

Adeel Butt, pakistano adeelbutt84@gmail.com
Helpanto/Kunlaboranto de la 1-a Srilanka Kongreso de Esperanto
Srilanka Esperanto-Asocio, 57, Heartland, Zone 3, Millennium City, Kotugoda, Srilanka, +94711391804

## Japanio

# NOVA ESTRARO DE JEI FIKSITA

De 2012, kiam Japana Esperanto-Instituto (JEI) havas novan juran statuson, la estraro de JEI havas 2-jaran mandaton, kaj estas nomumita de la Konsilianoj en ĉiuj 2 jaroj.

En la 22a de junio, JEI havis konsilianan kunsidon kaj la estraranoj estis nomumitaj, kaj en la sama tago, la novaj estraranoj kunsidis kaj fiksis sian labordividon. Jene estas la listo de la novaj estraranoj. Markita per (*) estas persono, kiu daŭre estras la saman fakon kiel antaŭe.

Prezidanto: s-ro SUZUKI Keiichiro*
Vicprezidantoj: s-ro SIBAYAMA Zyun'iti*, s-ino ISIKAWA Tieko

La laboro de JEI estas divide farata en 7 fakoj, kaj ties fakestro, kaj eventuale vicfakestro konsistas el estraranoj.

| | estro | vicestro |
|---|---|---|
| Inform-Movada Fako: | s-ro KITAGAWA Syozi, | s-ino HOTTA Yuri |
| Internacia Fako: | s-ino SAITO Tume*, | s-ino SYOZI Keiko |
| Stud-Eduka Fako: | s-ino ISIKAWA Tieko*, | s-ro HIROTAKA Masaaki |
| Eldona Fako: | s-ro KAWANISI Teturo* | |
| Redakta Fako: | s-ro SIBAYAMA Zyun'iti* | |
| Kongresa Fako: | s-ro KIMOTO Yasuhiro | |
| Ĝenerala Fako: | s-ino SYOZI Keiko* | |
| Financa Fako: | s-ro SUZUKI Keiichiro* | |
| Interreta Fako: | s-ro MORIKAWA Kazunori* | |

Revizoroj: s-ino KAMAKURA Sinobu*, s-ro MURAO Kenzi*.

De tiu ĉi mandato, demisiis jenaj 2 personoj, kiuj longe restis en la estraro: s-ro HORI Jasuo kaj s-ro INUMARU Fumio.

SIBAYAMA Zyun'iti sibazyun@nifty.com

# La 47-a Esperanto-Seminario, Yumenosima

Tradicie okazas ĉiujare dum tiel nomata “Ora Semajno” en Japanio Esperanto-Seminario de JEI. Ankaŭ ĉi-jare okazis la aranĝo, jam la 47-a, inter la 3-a kaj 5-a de majo en Yumenosima, Tokio.

Partoprenis 35 personoj en kvar klasoj; kvar en elementa kurso “Ni lernu per facila legaĵo” de s-ro MURAMATU Sinya, dek unu en meza kurso “Paroliga kurso de Aleksandra” de s-ino Aleksandra WATANUKI, sep en meza/alta kurso “Kurso por efika verkado” de s-ro HUZIMAKI Ken’iti kaj dek en memstara kurso zorgata de s-ro YAMAKAWA Syuichi. La partoprenantoj havis entute 12-horan lecionon dum la seminario, kaj ĉiuj multe lernis laŭ siaj intereso kaj lingvokapablo. La okazo de ĉi tia intensa lernado de Esperanto maloftas kaj la partoprenantoj venis el diversaj partoj de Japanio. Inter ili troviĝis kelkaj diligentaj novuloj, kio ĝojigis nin organizantojn.

Krom kutimaj lecionoj, okazis antaŭtagmeze ekzameno de JEI de la 3-a kaj posttagmeze tiu de la 4-a. La partoprenantoj ĝuis viziton al la Memorparko de la Fiŝŝipo Hukuryu-maru n-ro 5, kiu suferis damaĝon kaŭzitan de usona eksperimento de hidrogena bombo en Atolo Bikini en 1954, kaj al la botanika ĝardeno en vitra domego. La seminariejo troviĝas en vasta kvartalo kun tiuj interesaj lokoj kaj multe da verdaĵo, kio karakterizis ĉi-jaran seminarion. Fakte ni okazigas tiun ĉi seminarion ĉiufoje en diversaj lokoj tra la lando, do tio ankaŭ altiras interesitojn al la aranĝo.

Parolis s-ro YAMAKAWA Syuichi pri la projekto de nova traduko de japana konstitucio dum la kunsido post la vizito supre menciitaj. Lia parolo interesis multajn personojn kaj la posta diskuto vigliĝis. Gaja Vespero iris vere gaje kaj ni ĉiuj ĝuis la vesperon, amikiĝante kun novaj geamikoj kaj ludante kune kvizon kaj aliajn ludojn.

Verŝajne okazos la 48-a Esperanto-Seminario ie en la regiono Toohoku.

ISIKAWA Tieko, Estro de stud-eduka fako de JEI
isksanjo@ff.e-mansion.com

# La 62a Kansaja Kongreso



En la 31a de majo kaj la 1a de junio okazis la 62-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo kun 305 aliĝintoj en Himeji, urbo konata de ĝia kastelo Himeji de monda kulturheredaĵo. La kongreso estas jarkunveno de KLEG, Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj, en Oosaka. Kunvenis ne nur membroj el ĉiuj 17 aliĝintaj grupoj, sed ankaŭ el aliaj lokoj. Cetere, inter ili estis 9 junuloj kaj 21 geknaboj. Al la kongreso estis invitita s-ro Reza Pahlevi (foto : la kvara de maldekstre en la unua vico), juna studento el Indonezio, kiu parolis pri la movado en sia lando. Oni havis dekon da diversaj programeroj, el kiuj publike malfermitaj estis prelego japanligva pri Yanagita Kunio, pioniro de la movado, kaj prelego pri Pollando fare de s-ino Aleksandra Watanuki kun japanlingva interpreto, kaj koncerto de esperantista kantistino. Tiu senpaga evento altiris pli ol 50 urbanojn.

MINE Yositaka mine.yositaka@iris.eonet.ne.jp

# La 63a Kantoo-Kongreso

Okazis la 63a Kantoo-Esperanto-Kongreso en la kvartalo Kootoo en Tokio kun la partopreno de 52 esperantistoj (la nombro de aliĝintoj estis

93). Post la inaŭguro ĉiuj partoprenantoj kune kantis kantojn “La Espero”, “La Tagiĝo”, “Lerneja himno de la elementa lernejo Iĉinotani” kaj “Esperanto estas la lingvo por ni”. Tiu lerneja himno estas verkita de esperantisto Azumi Tokuja, kaj enhavas vortojn “Lumo, lumo” kaj “Sano, sano”. Unuan fojon oni kantis ĝin en la japana kaj en la Esperanto-traduko en la kongreso.

Post tagmanĝo partoprenantoj vizitis « urbeton en la Edo-epoko » en la muzeo, kaj poste okazis du prelegoj : « Argentino – pasinteco, nuno kaj estonteco » de s-ro Ueki Kunio, kiu loĝis en Argentino pli ol 3 jarojn, kaj « Indonezia Esperanto-movado » de Reza Pahlevi el Indonezio, studento aganta en la insulo Sumatra.




## Paŝo, studenta revuo, eldoniĝis

Jen estas virga bulteno de porstudenta gazeto pri Esperanto, "Paŝo". Ni, redaktoroj de Paŝo celas teni kontakton inter studentaj interesitoj pri Esperanto kaj okazigi novan ondon en japana movado.

Ni ne volas ignori eĉ novajn komencantojn, do Paŝo estas plejparte skribita en la japana lingvo kun ĝis resumo en Esperanto, do ĉiu ajn povas facile tralegi niajn artikolojn. Bonvole atendu, ke studentaj paŝoj vigligu japanan Esperantujon.

Se vi havas demandojn pri sendo, artikoloj aŭ aliaj aferoj pri Paŝo, senhezite sciigu nin. http://pasxo.blogspot.jp/
Redakcio de Paŝo pasxo.esperanto@gmail.com




## La 101a Japana Esperanto-Kongreso

Dato: la 11a, 12a kaj 13a de oktobro 2014
Kongresejo : La centra civitana halo en la urbo Obama, gubernio Fukui
Kongresa temo : Ni akordu trans la maro – manĝo, naturo, amikiĝo

**Ĉefaj programeroj**
La 11an de oktobro (sabate):
Antaŭkongresetoj,
Amika Vespero
La 12an de oktobro (dimanĉe):
Inaŭguro, Publika prelego, Fakkunsidoj, Azia Agado, Koncerto, Bankedo
La 13an de oktobro (lunde): Fakkunsidoj, Publikaj prelegoj,
Ferma Soleno, Ekiro al Postkongreso

* Pri detaloj, havu kontakton kun Japana Esperanto-Instituto
jek14o@jei.or.jp
* TTT-ejo de la kongreso: http://www.jei.or.jp/evento/2014/jek/eo.htm



## 125-jariĝo de naskiĝo de Eroŝenko

Vasilij Jakovlevich EROŜENKO naskiĝis la 12-an de januaro 1890 en Obuĥivka kaj mortis la 23-an de decembro 1952. Li estis rusia esperantisto, ukrajnano laŭ deveno (laŭ patro), verkisto, lingvisto kaj pedagogo. Li venis al Japanio en 1914 kaj influis multe la japanan movadon. La venonta jaro estos la 125-jariĝo de lia naskiĝo. Nun en Japanio oni planas diversajn agadojn por honori lin.

Pri Eroŝenko vidu: http://eo.wikipedia.org/wiki/Ero%C5%9Denko

# Nepalo

## La 22a Nacia jara asembleo

La 22a Nacia jara asembleo de Nepala Esperanto-Asocio (NEspA) okazis la 21-an de junio 2014 en Esperanto-Domo en la distrikto Thamelo de Katmando. Partoprenis 40 esperantistoj, pli ol duono de la tuta membraro de la pasinta jaro.

Homoj komencis alveni je la 11-a horo matene. Kiel kutime, ili babilis kaj atendis ĝis sufiĉe multaj kolektiĝis. Finfine la progamo komenciĝis je la 1:30. La kongreso komenciĝis per la internacia himno « La Espero ». Poste la prezidantino s-ino Indu Devi Thapaliya enkondukis unuminutan silenton memore al s-ro Harilal Gawaly, membro de la asocio, kiu forpasis antaŭ unu jaro dum la pilgrimado en Kedharnath en Barato, kie okazis natura katastrofo kaj mortis milo da homoj. Ankaŭ lia edzino forpasis en tiu katastrofo.

Reprezentantoj el diversaj branĉoj de la asocio kaj aliaj gravuloj – s-roj Janardan Upreti, Baburm Neupae, Navaraj Buddha, Vishwa Gautam, Maya Rai kaj Navian Lal Shrestha – parolis pri lastatempaj agadoj kaj novaj planoj kaj faris sugestojn ĉi-rilate.

La jara kaj financa raportoj estis prezentitaj de s-ro Bharat Ghimire. Membroj komentis, faris demandojn kaj fine aprobis ambaŭ raportojn.

La kunveno finiĝis per parolado de la kunvenestro, s-ino Indu Devi Thapaliya. Ŝi raportis pri la agado de la pasinta jaro, menciante inter aliaj aferoj, la aperon de lerno-libro de s-ro Bishawamber Ghimire, la vojaĝon de membroj al la UK kaj aliaj programoj, kaj la sukceson de la 10-a Himalaja Renkontiĝo kaj Speciala Renkontiĝo okazintaj en la pasitaj jaroj. Ŝi rimarkigis, ke en la venonta jaro okazos la 11-a Himalaja Renkontiĝo kaj esprimis esperon, ke ni ĉiuj kunlaboros por ĝi.

En la fino estis elektitaj s-ro Prakash Ghimire kaj s-ro Ramesh Kumar Aryal kiel sekretario kaj estrarano de NEspA. Oni elektis ilin por la venonta unu jaro. Oni pli diskutis pri la tria Sud-Azia Seminario okazonta en Srilanko post du jaroj kaj decidis kunlabori kun srilankaj esperantistoj.

Bharat Kumar Ghimire nespa_bharat@hotmail.com

## Indonezio

# Mi enkondukis Esperanton en Salatiga kaj Yogyakarta

Ilia Sumilfia: ilia.dewi@gmail.com




De la 8a ĝis la 10a de februaro, mi vojaĝis al Semarang, Salatiga kaj Yogyakarta por enkonduki Esperanton al novuloj, kiuj kuniĝas ĉe iu komunumo, kiu nomiĝas 'Akademi Berbagi'. Pere de aviadilo mi atingis Semarang-flughavenon 'Ahmad Yani'. Mi prenis la plej fruan horaron por alveni frue tien, ĉar mi deziris renkonti Esperanto-amikon, kun kiu mi neniam renkontiĝis antaŭe. Lia nomo estas Imam, kaj li ekkonis kaj eklernis Esperanton antaŭ 7 jaroj. Agrable ni havis kunveneton pri Esperanto kaj pri la agadoj por enkonduki la lingvon al studentoj, kiuj povus helpi nian projekton de Esperanto-turismo en Semarang kaj ĉirkaŭ Ĵavo. Post du horoj kaj duono da diskuto, mi devis

preni buson al Salatiga, kie mi devis enkonduki Esperanton je la 3a posttagmeze. La vojaĝo bonorde daŭris kaj atingis la kunvenlokon iom antaŭ la 1a horo. Tiam mi aranĝis la aferon por prezenti kaj enmetis kelkajn librojn por ke ĉeestantoj havu ideon pri Esperanto-literaturo.

La tempo proksimiĝis kaj unu post la alia homoj venis kaj plenigis la seĝojn. Ekpluvis, tamen ĉirkaŭ 20 personoj kunvenis. Iom poste, finfine la prezentado komenciĝis pere de parolado de Daniel, kiu invitis min por diskonigi Esperanton al sia grupo. Poste mi komencis mian prezentadon per ĝenerala informo pri Esperanto-movado kaj iom da gramatikaĵoj. La ĉestantoj demandis, kaj agrable mi respondis al ili pri gramatiko, ĉiutagaj esprimoj kaj kelkaj aliaj.

Je la 5a vespere, ni devis fini la kunvenon, ĉar mi devis veturi al Yogyakarta per buso kun la lasta horaro antaŭ la 6a horo. Bonorde mi veturis ĉirkaŭ 2 horojn kaj alvenis je la 8a kaj duono vespere al la strato apud domo de Andre, kiu estas unu el la IEA-estraranoj. Mi tranoktis ĉe lia familio dum du noktoj. La unuan fojon mi renkontiĝis rekte kun Andre kaj lia familio; ĝi estis agrabla momento kaj mi multe dankas ilin pro la helpo.

La sekvan tagon, dimanĉmatene, Andre, lia edzino kaj mi kune veturis al la loko de mia Esperanto-prezentado en Yogyakarta. Ĉirkaŭ 13 ĉeestantoj el komunumo ‘Akademi Berbagi Yogyakarta’ kunvenis. Ili bone atentis la enkondukon kaj kelkaj el ili aktive demandis. La ĉeestantoj neniam aŭdis pri Esperanto kaj iom surpriziĝis, kiam mi diris, ke la lingvo jam estis en Indonezio en 1902 kaj la movado kreskiĝis bone dum la jaroj 1960-1965. Dum la kunveno, mi ankaŭ montris lernolibrojn, kiuj estas facile kompreneblaj por komencantoj. La kunveno daŭris ĉirkaŭ 3 horojn.

Lundon vespere mi reflugis hejmen kun agrabla sento. Mi esperas, ke ĉiuj, kiuj ĉeestis mian Esperanto-enkondukon, daŭrigos la lernadon de la lingvo kaj almenaŭ diri ion pri Esperanto al siaj konatoj.

# Vjetnamio

## DODESPE-sekcio daŭre aktivas

DODESPE estas mallongigo de Dong-Da-Esperanto-Sekcio. La sekcianoj estas loĝantoj de Dong-Da-distrikto de Hanojo. Ili kunvenas ĉiumonate en la lasta vendredo. Dum la renkontiĝo, ili klopodas paroli iom post iom nur Esperante, evitante krokoliladon.

La varmega vetero de majo ne malhelpis DODESPE-anojn alveni al la ĉiumonata renkontiĝo. Menciindas la ĉeeesto de s-ino Do Thi Toan, prezidantino de Hanoja Esperanto-Asocio (HanEA), vic-prezidantino de Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA). Multaj eventoj raportindas.

### 1. La maja Esperanta Sumoo-konkurso

Partoprenis tri DODESPE-anoj el la 5 vjetnamaj luktistoj. Oni faris recenzon pri la libro “Raportoj el Japanio 16” de Hori Jasuo, reliefigante la dignan sintenon de la japana popolo dum kaj post la cunamo; la lukton kontraŭ la konsekvencoj de poluado post la Fukuŝima-katastrofo. Oni laŭtlegis kortuŝan skribaĵon de Kamata Momoko, 12-jara lernantino pri la morto de sia amikino Mami, viktimo de la cunamo. La recenzo kaj la skribaĵo kun traduko en la vjetnama estis distribuitaj al la ĉeestantoj.

* Pri sumoo vidu la suban retejon :
http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html

### 2. Artikoloj en Vikipedio pri vjetnama kulturo

Dum la du lastaj monatoj aperis en Vikipedio dek artikoloj pri vjetnama kulturo verkitaj aŭ kontribuitaj de vjetnamaj esperantistoj kiel: *banĉuno* (gluriza kuko), *kukofrinio* (folio por paki *banĉuno*-n), *laloto* (*Piper-lolot*-folio por paki hakitan viandon), *ĉakalavongo* (rostita fiŝa

specialaĵo de Hanojo), *lendongo* (vjetnama mediumo-ritaro)... Tiuj artikoloj estis montritaj sur granda televida ekrano kun voĉa klarigo.

*lalot-o: Laloto (Piper lolot) estas florplanto en la familio Piperacoj, al kiu apartenas ankaŭ kelkaj aliaj konataj plantoj kiel nigra pipro kaj betelo. Laloto estas indiĝena en Vjetnamio, Laoso kaj Kamboĝo, kaj ĝi estas antaŭ nelonge enkondukita en Usonon. La folioj de laloto estas multe uzataj en vjetnama kuirado; ekzemple, bovaĵo envolvita en lalot-folioj estas unu el la plej popularaj manĝaĵoj en Vjetnamio. Laloto estas ankaŭ uzata en vjetnama tradicia medicino kiel rimedo kontraŭ artrito.

**3. Fabelo "La dezirperlo" prezentita per *powerpoint***

Post la sukceso de la fabelo My Nuong kaj Truong Chi kelkajn monatojn antaŭe, sekvas la popola fabelo "La dezirperlo" bele ilustrita kun muzika fono kaj komento en Esperanto. Tio estas la rezulto de kunlaboro de multaj membroj.

Ĉiuj partoprenintoj promesis kontribui laŭ sia kapablo al la disvastigo de vjetnama kulturo pere de Esperanto.

Jada Valoraĵo (Lương Ngọc Bảo luongngocbao58@yahoo.com)

# Israelo

## La unujara datreveno de Esti

La 20an de junio estis la unujara datreveno de forpaso de nia amata Esti. Tiuokaze, ni eldonos memorlibron, kiun ni intencas pretigi ĝis la memorvespero okazonta la 15a de julio. Nova versio de la memoro-retpaĝo, kiu estas la bazo por la libro, jam aperis en la retejo de ELI : http://www.esperanto.org.il/dosieroj/saban.pdf

Kiuj volas ion aldoni, bonvolu sendi al mi kiel eble plej baldaŭ (ĝis la fino de junio).

Amri Wandel amri@huji.ac.il

## Ĉinio

### La 6-a Junulara Seminario de Esperanto

En majo en la urbo Harbino siringoj floras. La 6-a Junulara Seminario de Esperanto okazis la 17an kaj 18an de majo en la Feria Vilaĝo Fudong de la urbo. Pli ol 50 esperantistoj partoprenis.

Antaŭtagmeze okazis la inaŭguro en la salono Zamenhof. Posttagmeze tri samideanoj el Vladivostoko de Rusio prelegis kun jenaj titoloj « Historio de Ĉina-Orienta Fervojo » (s-ro Gennadij Ŝlepĉenko), « Pentraĵo La heroeco de Ĉinio » (s-ino Lubov Karpeta) kaj « Puŝikin – fama rusa poeto » (s-ino Irina Amelĉenko).

Poste okazis la konkurso de parolado. Junaj esperantistoj sinsekve parolis pri « La amo de Esperanto ». F-ino Li Xingjie gajnis la unuan premion, f-ino Wang Wei la duan kaj 7 gejunuloj gajnis laŭdan premion. Kaj la fermo okazis kaj sekvis ĝin la vespera bankedo.




### Okazis la ceremonio de la libro-donaco

Dandong de la provinco Liaoning en Ĉinio estas bela landlima urbo, tuj najbara al Norda Koreio. En la lastaj jaroj la Esperanto-aktivado

ĉiam estas vigla en la 14-a Supera Mezlernejo de la urbo. Ĝi konsistas el du branĉoj, t.e. malsupera mezlernejo kaj supera mezlernejo.

De la 31-a de majo 2011 kiel la dua klaso Esperanto estas instruita en ĝia branĉo "malsupera mezlernejo". Sub granda subteno de la estraro de la lernejo kaj Dandong-Esperanto-Asocio (DEA), kaj diligenta laboro de la lerneja Esperanto-instruistino s-ino Li Yanqiu la lingvo estas oficiale instruita en la branĉo "supera mezlernejo" ankaŭ ekde 2013. Nun tie estas ne nur interesa grupo de Esperanto-aktivadoj, sed la Esperanto-klubo pure konsistas el lernantoj. La 24-an de aprilo 2014 nova kurso komenciĝis en la 1-a grado de la branĉo "supera mezlernejo".

En la pasinta decembro s-ro Hori Jasuo, eksa prezidanto de KAEM, donacis al la lernejo la librojn (« Raportoj el Japanio 15 » kaj « Raportoj el Japanio 16 »), kiujn li verkis. La 29-an de aprilo 2014 la lernejo okazigis ceremonion de la libro-donaco. En ĝi s-ro Wu Guojiang, vic-prezidanto de Liaoning-a Esperanto-Asocio, en la nomo de s-ro Hori Jasuo transdonis ilin al s-ino Li Yanqiu kaj ŝiaj lernantinoj. S-ro Guan Junpeng, vic-estro de la lernejo, en la nomo de la lernejo kore dankis s-ron Hori Jasuo pro subteno al la Esperanto-kurso de la lernejo kaj la internacian Esperanto-rondon pro zorgo kaj atento al la Esperanto-aktivadoj de la lernejo. Li diris, ke la Esperanto-kurso estas unu el la plej karakterizaj klasoj de la lernejo kaj malfermas al la lernantoj alian pordon de la mondo, esperebl Esperanto povas konstrui amikecan ponton por la lernantoj kaj por ĝemeligi la lernejon kun aliaj lernejoj en la mondo, en kiuj Esperanto estas instruata. Laste li dirs, ke instruistino Li jam finredaktis la lernejo-bazitan Esperanto-materialon laŭ aranĝo de la lernejo, kaj li varme bonvenigas esperantistojn, precipe esperantistajn instruistojn en- kaj eksterlandajn, viziti la lernejon.

Oni kontaktas la lernejon kaj la Esperanto-lernantojn per s-ino Li Yanqiu (lyqssz@126.com).

Wu Guojiang ghemelurboj@yahoo.com.cn

* S-ro Hori Jasuo jam eldonis tri librojn « Raportoj el Japanio » (n-roj 15,16 kaj 17) temantajn pri la japana katastrofo okazinta en 2011. La plej lasta « Raportoj el Japanio 17 » estis eldonita en majo.

## Kurso de Augusto Casquero

La denova kurso de Esperanto de la 15a de marto ĝis la 28a de junio instruita de s-ro Augusto Casquero, volontulo el Hispanio, finiĝis la 28-an de junio 2014 en Kantono, Ĉinio.



Dek kvar novaj kaj malnovaj lernantoj de Esperanto partoprenis la ceremonion por la disdonado de diplomoj al la novaj gelernantoj de Esperanto. Ankaŭ s-ro Petro YE, vicprezidanto de la Esperanto-Asocioj de Kantono kaj Guangdong-Provinco, ĉeestis la ceremonion.

Poste la ĉeestantoj kune manĝis por ĝoje diri ĝisrevidon al estimata amiko Augusto, ĉar li iros al Hispanio por somera ferio. Kaj li revenos al Kantono en septembro. Peter YE peterye@163.com

## Ĝemelurboj de Bonaero, Argentino

Bonaero havas pli ol 50 ĝemelajn urbojn en pli ol 30 landoj. Reage al la propono de la kongresanoj en la kunveno de Ĝemelaj Urboj dum la 98-a UK okazinta en Islando. Foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Bonaero" okazos dum la 99-a UK. La ekspozicio konsistas el du partoj: unu pri interŝanĝo inter esperantistoj de Bonaero kaj ĝiaj ĝemelaj urboj, la alia pri la Esperanto-movado kaj trajto, kiu plej montras ĝemelajn urbojn. Por sukcesigi la ekspozicion bezonatas subteno kaj partopreno de esperantistoj, precipe en tiuj landoj, kies urboj havas ĝemelajn rilatojn kun Bonaero.

**Fotoj**: laŭ konsisto de la ekspozicio oni povas sendi maksimume 3 fotojn, kun konciza teksto, nomoj de sendanto, urbo kaj lando.

**Limdato de sendo**: La 26-an de junio, 2014

**Adreso:** Argentina Esperanto-Ligo, Paraguay 2357 Dpto.2,C1121 ABK Cap. Federal, Buenos Aires, Argentino

**Retadreso**: info@esperanto.org.ar

**Kopias**: por memori pri viaj kontribuoj al la ekspozicio kaj al la laboro de la projekto Ĝemelaj Urboj mi aperigos viajn nomojn en n-ro 3 (50) Informilo de Ĝemelaj Urboj/2014. Bv. kopiu ilin al mi, kiam vi sendas al Argentina Esperanto-Ligo.

Estimataj, historio estas kreita kaj verkita de homoj. Esperantistoj de Argentino jam verkas la 125-jaran historion de Esperanto per agadoj. Ili estas klopodantaj por verki novan paĝon por la projekto Ĝemelaj Urboj. Mi kredas, ke sukcesos la Foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Bonaero" sub viaj helpo kaj subteno. Ĉi tie mi kore antaŭdankas vin.

### La listo por ĝemelaj urboj de Bonaero (laŭ vikipedio)

Mumbajo en Barato, La-Pazo en Bolivio, Braziljo, Porto-Alegro, Rio-de-Ĵanejro kaj San-Paŭlo en Brazilo, Santiago en Ĉilio, Pekino en Ĉinio, Prago kaj Most en Ĉeĥio, Sankta Domingo en Dominika Respubliko, Kito en Ekvadoro, Kairo en Egiptio, Tuluzo en Francio, Berlino en Germanio, Almería, Barcelona, Bilbao, Cadiz, Guadix, Madrido, Oviedo, Salamanca, Santiago de Compostela, Sevilo kaj Vigo en Hispanio, Jerusalemo kaj Tel-Avivo en Israelo, Kaljaro, Ĝenovo, Luko, Milano, Napolo kaj Romo en Italio, Osako en Japanio, Otavo en Kanado, Bogoto kaj Medellín en Kolombio, Seulo en Sud-Koreio, Zagrebo en Kroatio, Bejruto en Libano, Meksikurbo en Meksiko, Roterdamo en Nederlando, Asunciono en Paragvajo, Limo en Peruo, Varsovio en Pollando, Lisbono en Portugalio, Moskvo en Rusio, Beogrado en Serbio, Ĝenevo en Svislando, Damasko en Sirio, Bankoko en Tajlando, Istanbulo en Turkio, Kievo en Ukrainio, Londono en Britio, Miamo, Nov-Ĵerzejo kaj Ohio en Usono, Montevideo en Urugvajo.

Wu Guojiang, Komisiito de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
ghemelurboj@sina.cn

* Jam la limdato pasis, sed kiel informon vi legu la artikolon.

# Koreio

## La 46a Korea Kongreso de Esperanto

Korea Esperanto-Asocio (KEA) okazigos la 46-an Korean Kongreson de Esperanto inter la 25a kaj la 26a de oktobro 2014 en Seula Junulara Gastejo en Seulo. Partoprenoj de esperantistoj enlandaj kaj eksterlandaj estos bonvenaj.
Dato: la 25an (sabato) ~ la 26an (dimanĉo) de oktobro 2014
Loko: Seula Junulara Gastejo (http://www.seoulyh.go.kr)
Temo: 'Esperanto, en ĉiutaga vivo'
Aliĝkosto por eksterlandanoj: 40,000 ŭonoj (KRW)
Organizanto: Seula filio de KEA
Demandoj: KEA-oficejo (kea@esperanto.or.kr)

## Printempa Kurso de Namkang-Esperanto-Lernejo

(la 26an ~ la 27an de aprilo, Namkang Seowon en Cheongdo)



Ĉi-foja Namkang-Esperanto-Lernejo konsistis ĉefe el 2 gravaj trunkoj por KER-ekzameno kaj stilo de Esperanto. Ni povas diri, ke la unua kurso trovas sin studema kaj la dua belarta. Por havigi al ni perfektan lernadon du estimataj montegoj de korea Esperantujo oferis sin senŝpare. S-ro MA Youngtae, ano de "Akademio de Esperanto", kaj s-ro LEE Jungkee, estrarano de UEA, alten tiris nin.

Al KER-kurso kuris niaj esperoj, kiuj sin preparas por la tutmonda ekzameno. La KER-kurso havis du partojn, t.e. por la niveloj B1 kaj B2. Kiel esperdone estas vidi la junulojn, kiuj planas kaj studas por pliboniĝo! Aparte de tiuj du ĉefaj programeroj estis preta la ĉambro por la kurso Nur-Esperante, kie 6 gvidantoj laŭhore gvidis laŭtemajn babiladojn. Samkiel la KER-kurso ankaŭ s-ro MA gvidis en du aliaj koloroj. Sabate li instruis la stilon de Esperanto kaj dimanĉe gvidis Amuzan Landon de Esperanto (ALDE). Tute novajn amikojn speciale zorgis s-ro KIM Young-ung (Heroo), kiu lastmonate sukcese gvidis unu-monatan kurson en kakaotoko (tujmesaĝilo) per facila legolibro. Publike debutis nova gvidanto de KEA.

Krom ĉiuj oficialaj programeroj, en la kunsidoj de Nur-Esperante kaj ALDE oni uzis nur unu lingvon senkrokodile. Venis al ni jam natura sceno, ke oni babilas en Esperanto eĉ en liberaj tempoj kaj lokoj. Tion ja helpis nemalmultaj eksterlandaj gastoj. S-ro Ago FEISTOSA el Aŭstralio, s-ino HUĜIMOTO Hideko el Japanio kaj s-ro MARKUS Gabor el Hungario pli verdigis nian kunsidon.

En sabata vespero estis invititaj du prelegoj. S-ro LEE Jungkee donis la prelegon 'Raporto el Irano', kiu montris al ni, kiom aktiva estas la iranaj amikoj. Vidante tion, ni planis inviti iranan junulon en la venonta jaro. S-ino HUĜIMOTO Hideko elegante prelegis al ni pri japana te-ceremonio. Sekvis junula raporto de s-ro KIM Sunwook (Suno), vicprezidanto de Korea Esperanto-Junularo. Li dividis kun ni sian sperton en la urbo Fukuoka, Japanio. Komencantoj povis renkonti diversajn gustojn de Esperanto dank' al tiuj prelegoj.

Por edukada kunveno gravas du punktoj: lernantoj, kiuj havas en si decidan celon lerni pli bone, kaj gvidantoj, kiuj sinofere kunlaboras por nia movado. En tiu vidpunkto, ĉi-foja lernejo troviĝas vere modela.

Rimarkinde estas, ke venadas novaj amikoj el ne sola loko, sed el diversaj urboj, kio rekte diras la fakton, ke multiĝas fajraj gvidantoj kaj pli kaj pli aktiviĝas iliaj laboroj en la lokoj. Pli garantias nian estontecon, ke kreskas la nombro de gvidantoj, kiuj trovas ĝojon kaj devon en gvidado de posteuloj. Oni unuvoĉe opiniis, ke el la programeroj '2-linia konversacio' estis la plej bona. Laŭ mia juĝo, tion faris la fakto, ke la lernantoj kaj gvidantoj ambaŭ estis egale sufiĉe nombraj.

Kvar homoj aliĝis al la oficiala ekzameno de KEA kaj ĉiuj sukcesis. Ili montris kunlaboremon por nia movado per la sukceso en la ekzameno.

## Raporto pri la 16a Tago de Pioniro



La 15a de majo estas la « Tago de Pioniro » de Korea Esperanto-Asocio (KEA) de la jaro 1999. Kaj KEA-membroj festadis la Tagon eldonante memorlibron de la elektita pioniro. Estis eldonitaj 15 memorlibroj de 1999 ĝis 2012. Do, en la 10a de majo okaze de la 16a Tago de Pioniro, laŭ propono de prof. LEE Young-koo, prezidanto de KEA, koreaj esperantistoj havis du kunsidojn: unue ĉe la Nacia Seul-Tombejo* por la pioniro LEE Chae-hyon (Hajpin Li **, 1917~1997) kaj poste ĉe la oficejo de KEA.

*Por tiuj kiuj mortis por defendi Koreion

**La tria pioniro de KEA en la jaro 2001 kaj patrioto por nacia sendependiĝo

Je la 1a horo 9 esperantistoj inkluzive de la unua filo de Hajpin Li, LEE Hyeongjin, amasiĝis en la tombejo, kaj kun meditado rememoris lin. Post tio la ĉeestantoj aŭskultis de la filo, kiom lia patrino suferis de malriĉeco pro tio, ke lia patro ne zorgis siajn familianojn, eĉ elspezante malfacile enspezitan monon en Vjetnama Milito por korea Esperanto-movado. Kvankam tiutempe li eĉ malamis sian patron kaj ne lernis Esperanton, nun estimante la animon de la patro, kiu amis ne nur la internacian lingvon, sed ankaŭ nacion, li planas konstrui muzeon kun la spaco por Esperanto, kaj unufojon ĉiusemajne vizitadas la tombejon.

Je la 5a horo la dua kunsido kun 16 esperantistoj okazis ĉe la oficejo de KEA por festi la « Tago de Pioniro »-n. Tio komenciĝis per la himno « La Espero » kaj meditado. Unue prezidanto LEE Young-koo salutparolis, rememorante la pionirojn, kaj vicprezidanto LI Hyon-suk prezentis s-ron AHN Song-san (1920-2003), kiu estas elektita kiel la pioniro de la 17a « Tago de Pioniro » en la jaro 2015, kiel kompilonto de lia memorlibro. Sekve la partoprenantoj diskutis pri diversaj temoj rilataj de la Tago.

MIN Hyeonkyeong, ĝenerala sekretario de KEA kea@saluton.net

# Esperanto-eventoj ===

**Tutmonde**

7.18 ~ 25 / La 70a Internacia Junulara Kongreso (Fortalezo, Brazilo)

7.26 ~ 8.02 / La 99a Universala Kongreso de Esperanto (Bonaero, Argentino)

**Azie**

8.10~8.20 / Vojaĝo en nekonata Ĉinio (Urumĉio-Ŝjiano, Ĉinio)
8.16~8.23 / Aktivula Trejnado por aziaj esperantistoj aranĝita de UEA (Ŝjiano, Ĉinio)
8.23~25 / La NurEsperanta Kunvivado en Jacugatake (Jamanaŝi, Japanio)
10/04~05 / La 88-a Kongreso de Esperantistoj en Kjuŝu (Kumamoto, Japanio)
10.07~10.10 / La 4-a ILEI-Seminario de Orienta Azio (Kameoka, Japanio)
10.08~12.08 / Vojaĝo en nekonata Ĉinio — 2014
10.11~ 10.13 / La 101-a Japana Esperanto-Kongreso (Obama, Japanio)
10.27~11.08 / La 2a Internacia Ekskurso de Katmando / (Katmando – Fakding – Namche – Khumjung – Tengboche, Nepalo)
10.25~10.26 / La 46-a Korea Esperanto-Kongreso (Seulo, Koreio)
11.01~02 / La 55a Toohoku-Kongreso de Esperanto (Iŭate, Japanio)
11/08~09 / La 15a Esperanto-Kongreso de Tyûgoku kaj Sikoku (Tokuŝima, Japanio)
12.26~12.28 / La 33-a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana, Korea kaj Vjetnama Junularoj (Ho Chi Minh, Vjetnamio)
12.30~ 2015.1.02 / Transjara Kurskunveno de Esperanto-Populariga Asocio (Kameoka, Japanio)

# KAEM-anoj

**Ĉinio:** Wang Ruixiang 13436481089@163.com; wrxzj@tom.com
Prezidanto, Projekto A (Preparado de la 8-a Azia Kongreso en Ĉinio)
**Japanio:** Inumaru Fumio inumaru-f@nifty.com
Vicprezidanto, Projekto C (Membriĝo), Subteno al Indonezio, Filipinoj, Ekspedo de la revuo (“Esperanto en Azio”)
**Mongolio:** Chimedtseren Enkhee enchjo@yahoo.com
Ĝenerala sekretario (pri subvencio kaj elspezo el buĝeto), Reviziisto de KAEM-buĝeto, Interrilato kun UEA
**Hindio (Barato):** Giridhar RAO agiridhar.rao@gmail.com
Interrilato kun UEA (Raportoj al UEA pri KAEM-agado), Subteno al Srilanko
**Irano:** Omid Rohanian omid.rohanian@gmail.com

Subteno al najbaraj landoj de Irano (Arabaj landoj)
**Nepalo:** Mukunda Raj Pathik mpathik@gmail.com
Organizo de SAS (Sud-Azia Seminario), Projekto Ĉ (Edukado)
**Vjetnamio:** Le Thi Thien Thu lethienthu.esper@gmail.com
Subteno al Sud-Orientaj landoj (Laoso, Kamboĝo, Tajlando, Malajzio)
**Pakistano:** Zubair Muhammad zurnab_pk@yahoo.co.in
Subteno al najbaraj landoj (Bangladeŝo, Afganio), Organizo de SAS
**Taĝikio:** Firdaus Shukurov komintel@yandex.ru
Interrilato kun Centr-aziaj landoj (Kazaĥio, Uzbekio, Kirgizio, Azerbajĝano, Turkio kaj Rusio)
**Koreio:** Kim Hiongun nomota@mobigen.com
Projekto D (Publikado kaj sendado de lernolibroj, lerniloj de Esperanto)
**Israelo:** Eran Vodevoz evodevoz@yahoo.com
Projekto B, Interrilato kun eŭropaj landoj kaj afrikaj landoj, nord- kaj sud-Amerikoj

**Honoraj prezidantoj de KAEM**
Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio) hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la revuo “Esperanto en Azio”, Projekto C (Membriĝo al UEA)
Lee Jung-kee (Koreio) esperanto@saluton.net
Konsilanto pri interrilato de aziaj landoj
Sasaki Teruhiro (Japanio) steruhiro@hotmail.com.co.jp
Helpanto de la estraranoj de KAEM

# Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**
A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.
A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp per la subvencio el Fondaĵo Azio de UEA.

**Projekto B: Kunlaboro**
B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso.
B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso.
B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.
B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:

Japanoj･Israelanoj: 20 eŭroj, Koreoj: 10 eŭroj,
Ĉinoj: 5 eŭroj, Aliaj azianoj: 2 eŭroj

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.
B-6: Eldoni "Jarlibron de KAEM" ĉiun jaron.
B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj.

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**

C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA.
C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA. Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton.
C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.
C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono.

**Projekto Ĉ: Edukado**

Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj.
Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj.

**Projekto D: Esperanto-libroj**

D-1: Eldoni necesajn librojn.
D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj.
D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio.
D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp al kluboj, asocioj.

…………………………………………………………………………


# Esperanto en Azio

Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso de KAEM (sendu viajn mesaĝojn al KAEM ĉi suben):
<azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com>
TTT-ejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3